# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 16/01/2014 Cent kvardek oka Eldono 16/01/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else

SENDATA AL 273 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj






**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.

## Estontaj kompetentaj lingvistoj aŭskultas la Retradion ĉiun tagon (Forpeli tumorojn per bakterioj kaj febro) 08/01/14 elsendita



http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

Imunterapio kiu estis disvolvita antaŭ 120 jaroj kaj poste forgesiĝis, nun estas remalkovrita.

Kiam al la juna kanada kuracisto William Coley en la jaro 1890 formortis lia unua paciento - pro sarkomo, tio estas kancero de la apoga teksaĵo - li traserĉis la fakan literaturon. Li trovis kazon ĉe kiu ĉe paciento malaperis sarkomo post kiam la paciento estis kaptinta bakterian haŭtinfekton. La kuracisto serĉis kaj vizitis la viron kiu ankaŭ sep jarojn post la spontanea resaniĝo ankoraŭ estis sana. Coley plue enprofundiĝis en la literaturo kaj trovis multajn priskribojn de tumoroj kiuj malaperis post kiam la koncernaj homoj estis kaptintaj iun ajn infekton.

Do li entreprenis eksperimenton kun homoj kaj enbuŝigis al paciento kiu havis sarkomon bakteriojn, nome Streptococcus pyogenes, kiuj povas kaŭzi la skarlatino-malsanon. Sed la bakterioj ne tiel efikis, kaj post 6 semajnoj la paciento estis perdinta sian tumoron. Ktp

Ctrl+alklaku la ligon, kaj aŭskultu



## Dankon, Roger, kaj.......GRATULOJN, ESPERANTISTO DE LA JARO!

Verŝajne la Kongreso sukcesis kiel bona evento. Kaj AEA refariĝos Asocio. Plaĉa situacio.

Vera Pajne





2014-01-13

Kara Roger,

Multajn dankojn,... ke vi iris hejmen,

.... kaj tuj produktis alian numeron de AE.

Restu sana kaj daŭrigu vian valoran kaj bonegan laboron.

Mi kunsendas kelkajn bildojn,..... vi mem elektu se vi volas enmeti ilin en venontaj AE.

Plej amike,

Sandor
















# Gloraj tagoj en Kanbero



En la universitato de Kanbero unu el sennombraj konstruaĵoj nomiĝas Ursula Hall. En ĝi la estraro de AEA organizis la tradician Kongreson kaj Somerkursaron de Aŭstralia Esperanto-Asocio.

Partoprenis en ĝi proksimume 52 fervoraj gesamideanoj el Koreio, Nepalo, Indonezio, Germanujo, Novzelando, Vjetnamio, Novkaledonio, Hungarujo kaj eĉ pli multaj el Aŭstralio. Povas esti neniu dubo pri tio, ke mi forgesis kelkajn samideanojn el aliaj landoj, pro kio mi petas vian pardonon.

Mi alvenis ĉirkaŭ la 15-a horo vendredon la 3-an de januaro. Tiam ne estis multaj aliaj, sed ili ekvenis kelkan tempon iom pli poste.

En la vespero ni kunvenis en tre pura, bela kaj grandega ĉambrego, sed bedaŭrinde ĝi havas la plej malbonan akustikon, kiun mi iam vidis (aŭ aŭdis) en mia longa vivo. Kiam iuj, ekzemple la estraro, parolis de sur la ”podio”, nur tiuj sidantaj en la plej antaŭa vico de grandaj kaj komfortaj mebloj povis ion ajn aŭdi. Troviĝis neniuj mikrofonoj aŭ laŭtparoliloj. La tapiŝoj kaj la komfortaj sofoj kaj brakseĝoj kaŭzis, ke la sono estis neaŭdebla. Nur kelkajn tagojn poste neestrarano Roger Springer iris al la oficejo petante, ĉu ekzistas mikrofono en la universitato. Oni donis al li nur unu, kaj per ĝi la parolanto povis esti aŭdata en la tuta salonego, sed, se mi bone memoras, nur unu parolanto uzis ĝin. Al la plej multaj parolantoj necesis parolante svingi ambaŭ brakojn, kio malebligis la tenadon de mikrofono en la mano. Venontajn fojojn la estraro mem aĉetos almenaŭ 8 mikrofonojn kaj kelkajn laŭtparolilojn, ĉar vere oni ne povas sidi, kvankam tre komforte, aŭdante nenion.

Trevor Steele gvidis kvizludadon, kiu amuzis nin ĉiujn. La premio esti nur la fiero de la gajninto.

Okazis ankaŭ ekumena Diservo. Tiu estis eĉ tre interesa. Oni aŭdis pri multaj malsamaj religioj kaj lernis multon. Okazis ankaŭ kelkaj ekskursoj al tre interesaj lokoj en la Aŭstralia Ĉefurba Teritorio.

La manĝaĵoj kaj trinkaĵoj estis multaj kaj diversaj. Mi supozas, ke la plej multaj el ni manĝis multe tro ol estis bona por niaj sanoj. Sed ili bongustis.

Okazis kelkaj prezentaĵoj de diversaj specoj. Mi mem partoprenis en tiu de Gerry.

Okazis Nepala Vespero prezentita de Indu Thapalia kaj Bharat Ghimire. Ni aŭdis ĉion sciindan pri Nepalo. Poste Indu prezentis al ni nepalan dancon. Multaj belegaj samideaninoj iom post iom partoprenis en ĝi.

Jonathan Cooper parolis brile pri "Arto" kaj la "Nova Retejo". Poste parolis Lumera Nohill pri la Korea Esperanto-Junularo. Necesas aldoni ke ŝi eĉ tre klare, laŭte kaj senerare parolis. Estis eĉ tre granda plezuro aŭskulti al ŝi.

Dmitrij Luŝnikov parolis pri Ideoj, Esperanto-Televido, Esperanto-Domo kaj Lingvaj Festivaloj.

Fine Rainer Kurz montris plurajn filmetojn el filmkonkurso okazinta en Germanujo.

Okazis Lingvofestivalo ankaŭ ĉe ni. Mi mem partoprenis la Australiajn Indiĝenajn Lingvojn prezentitajn de Sandor Horvath. Ankaŭ tiun pri la korea lingvo prezentitan de Lumera Nohill-Lee.

Okazis ankaŭ Debato inter Daniel Kane kaj Marcelo Leereveld. Temis pri la sukcesoj spertitaj enkondukante Esperanton en la lernejojn.

Kompreneble mi ne povis ĉeesti ĉion, sed mi ĝuis la prelegon "Arĥiva Historio de AEA" de Huigh Malcolm kaj Terry Manley. Roger Springer parolis pri sia "Ŝlosilo". Daniel Kane pri la fama Jørgen Utzon, tiu, kiu konstruis la mondfaman Operejon en Sidnejo. Jennifer Bishop lerte parolis pri ILEI, kaj ĉarma Maria Staykova parolis pri Belka Beleva. Vere tre belega kaj kortuŝa parolado. Mi tre ĝuis ĝin!

Trevor Steele parolis pri la "Aŭstralia Antologio". Heather Heldzingen pri la Universala Kongreso en 2013. Marcel Leereveld avertis nin kontraŭ nia misuzado de Esperanto. Sandor Horvath demandis ĉiujn el ni pri niaj opinioj pri la Kongreso kaj Somerkursaro samtempe petante niajn proprajn sugestojn por la venontaj du kongresoj en 2015 kaj 2016.

La koruso belege distris nin per kortuŝe belegaj kantoj. Okazis ankaŭ pluraj teatraĵoj. La tago finiĝis per "Diskoteko", sed tiam mi jam kuŝis profunde dormante en mia lito.

La antaŭlastan tagon okazis pluraj ekskursoj. Unu tre interesa al iu loko, de kie iuj sciencistoj povas esplori kaj komuniki kun Marso, Jupitero kaj kiu ajn alia planedo. Ni iris ankaŭ vidi la t.n. "Arboretum", loko, kie oni studadas plantojn kaj arbojn, tre interesa loko, ni tagmanĝis tie.



La festmanĝado okazis en iu hinda restoracio, la manĝaĵo estis eĉ tre bongusta, sed la bruo en la loko estis neeltenebla. Oni disdonis diplomojn ktp. Sed la aŭkcio okazis hejme en la kolegio.

Entute treege bonega kongreso. Ĉiuj homoj estis feliĉaj, helpemaj, ktp. La ĉambroj ĉiuj estis puraj. La necesejoj kaj duŝejoj, ankaŭ la vestlavejo estis puraj, belaj kaj facile uzeblaj. Estis eĉ tre granda ĝojo lerni ion novan kaj ekkoni geamikojn el la tuta mondo. Mi estas eĉ tre dankema, ĉar mi rajtis partopreni.
Koran dankon al vi ĉiuj Raporto de BOB FELBY

# Esperanto-kongreso en Kanbero, Aŭstralio




Mia unua filmeto pri la kongreso pretas. Sep eksterlandaj partoprenantoj parolas pri siaj spertoj.
Amike, Nicole

http://www.youtube.com/watch?v=jvS2ssqfTt0
Filmita en Januaro 2014. Parolas Rainer el Germanio, Rouan el Novzelando, Indu el Nepalo, Gabor el Hungario, Andre el Indonezio, Eko el Indonezio kaj Yvan el Novkaledonio.




Mia dua filmeto pri la kongreso pretas. Kvin Aŭstraliaj partoprenantoj parolas pri siaj spertoj.
http://www.youtube.com/watch?v=Wx2QEKOYO6c
Amike, Nicole




Mia tria filmeto pri la kongreso pretas. 4 aŭstraliaj esperantistoj parolas inkluzive de Daniel Kane, eksprofesoro pri la ĉina lingvo en la sidneja universitato Macquarie. Daniel Kane ankaŭ instruis tre altnivelan Esperanto-kurson kadre de la Universitato de Novsudkimrujo en Sidnejo. http://youtu.be/xJOYPC8mA6E
Amike, Nicole



Jen filmeto filmita de Jonathan Cooper Amike, Nicole
https://www.youtube.com/watch?v=60wKpikfRU8
"Dolĉa vent'", bela kanto en Esperanto, registrita ĉe la Aŭstralia Kongreso de Esperanto, Kanbero, januaron 2014. Kvinteto el la kongresa ĥoro: Hazel Green, Lumera Nohill, Alan Bishop (ĥorestro), Jennifer Bishop, Terry Manley

## Nova Esperantistino, Joanne Johns skribas



Por ĉiuj kiuj ne ĉeestis la kongreson, mia nomo estas Jo, mi loĝas en Melburno kaj mi laboras kun komputiloj. Mi unue eksciis pri Esperanto antaŭ multaj jaroj per la televida programo Ruĝa Nano sed mi ne ĝuste komprenis kio ĝi estas ĝis mi denove vidis la vorton lastatempe en artikolo pri arto kaj decidis esplori pli.

Mi tre ĝuis mian unuan kongreson kaj mi nun havas multajn belajn memorojn (interalie de Terry, kiu surhavis robon) kiuj helpos inspiri min studi tiel ke mi povu fari ĝustan konversacion ĉe la venonta kongreso.

Mi nur volas ankaŭ diri ke mi povas fari grafikan desegnan laboron se iu ajn bezonas ĝin. Mi volas, ke Esperantujo aspektu belega kaj profesia. Vi povas kontakti min ĉe navear@gmail.com. Mi akceptas kukon kiel pagon, se vi estas proksima al Melburno, alie bonaj deziroj estas sufiĉaj. :)



## 3ZZZ Retradio Melburno

Saluton

Jen estas la programo de la 3ZZZ elsendo de 6/1/14.

Oni aŭdas la elsendon tra la retpaĝo de la Melburna Esperanto Asocio.

Ĝis la, Alan Bishop

**elsendo de la 6a de januaro 2014** **afiŝo de Franciska Toubale**

**Legado: Lez** el **Sennaciulo** « Saluton de Alan Woods »

**Karlo** el **Monato** « Abenomiko, aŭdaca defio » de Isikawa Takasi

**Kanto :** el la kompaktdisko **Bela Revo** de Anjo Amika « al sunfilino »

**Prelego** : Miguel Fernandez klarigas kiel naskiĝis la libro « Poezio, armilo ŝarĝita per futuro » en Barcelono en decembro 2013

**Legado : Karlo** el **Monato** « Juglando kaj aliaj nuksoj » de Paŭlo Sergio Viana

**Franciska** el la **blogo de Betty Chatterjee** el Danlando »Kutimoj ŝanĝiĝas »

**Kanto** : « Postrompiĝa temp' » de Gijom amride

**Legado : Lez** el **Monato** « Saĝuloj bezonataj » de Paŭl Gubbins

**Kanto** : el la kompaktdisko **Valso por amikoj** de Ĵomart kaj Nataŝa « Mi ĝuas »

## La ondo de Esperanto

En La ondo de Esperanto (Januaro 2014) estas longa artikolo de Paul Desailly. Vidu http://sezonoj.ru/2014/01/abdul-baha/ Amike, Nicole

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/

# 17. La Objekta Predikativo.



La Objektaj Predikativoj priskribas la staton en kiu estas la Objekto dum la ago; fakte tiu stato kompletigas la signifon de la ago, kiu ne plu havas la ĝeneralan signifon de la nuda verbo. Jen kelkaj ekzemploj de la Rekta Objekta Predikato: "Ni MANĜAS la legomojn KRUDAJ (= en kruda stato; krudmanĝi)"; "Vi verŝajne VIDIS lin FALANTA SUB LA AŬTOMOBILON"; "Ni VIDIS la infanojn LUDANTAJ (= ke ili ludis)"; "Kaj ni VIDIS la gepatrojn PROMENANTAJ KAJ FELICXAJ (= ke ili estis promenantaj kaj feliĉaj)"; "Ili JUĜIS sxin KULPA"; "Ni TROVIS la knabinon RAJDANTA SUR SIA BICIKLO". Jen ekzemplo de Prepozitivo kiel Predikativo: "Mi PREFERAS la hundon EN LA DOMO".

En la ĉi supraj frazoj la Esperantistoj sekvas la mallogikan kutimon apartigi la Predikativon for de la verba parto de la Predikato. Pli logikus "Ili JUĜIS KULPA ŝin", "Ni TROVIS RAJDANTA SUR SIA BICIKLO ŝin, k.t.p. Sed la eŭropeco tro forte regas nin.

Jen tri specoj de O. P.: "Ili JUĜIS sxin MERITANTA LA POSTENON"; "Ili JUĜIS ŝin MERITI LA POSTENON"; kaj "Ili JUĜIS ŝin KE ŜI MERITAS LA POSTENON".

Oni povas, se oni volas, nomi ankaŭ la Infinitivojn (substantivecaj) Predikativoj ("Mi PREFERAS RETROIRI"), kiel faras Kalocsay/Waringhien. Mi preferas klasigi ilin en la verban parton de la Predikato, kune kun la kernverbo. Ili ja malsamas al la veraj Predikativoj: "Mi PREFERAS lin ATENDI ENDOME".

Nerektaj Objektaj Predikativoj kutime ne uzatas, ĉar ili similas al la Subjektaj: "Promenantaj, ni renkontis niajn najbarojn, promenantaj".

Notu la diferencajn signifojn de la jenaj tri frazoj: "Ni RENKONTIS la najbarojn promenante"; "Ni RENKONTIS la najbarojn PROMENANTAJ"; "Ni RENKONTIS la najbarojn promenantajn".

Ĉi tio finas la ĝeneralan traktadon de la Predikato. Proksimfoje kelkajn specifajn kazojn.

Marcel Leereveld.

# Vizitantoj en 3ZZZ radio



La 30an de decembro 2013 vizitis la radiostudion de 3ZZZ Duong Tu Kieu el Ho Chi Minh urbo ( Vietnamujo) kaj la 13an de januaro 2014 André Samosir el Jogdjakarta (Indonezio)

Ambaŭ povis vidi la kvar studiojn, kie la elsendistoj povas aŭ prepari programojn aŭ elsendi kaj la diversaj ĉambrojn -komputilejo, manĝejo,

kunvenĉambro, atendejo kaj oficejoj. Ni devas fieri pri la bona ekipaĵo provizita de 3ZZZ, la plej granda komunuma radio en Aŭstralio. Ĝi nun elsendas en 68 lingvoj ĉiusemajne..
Ambaŭ ĉeestis la tiaman elsendon kaj iom partoprenis en ĝi.
En radio oni ne timas, neniu rigardas nin kaj nuntempe homoj kutimas surmeti kaskojn kaj uzi aparatojn por paroli, ĉu ne ?
Se vi volas vidi de kie estas elsenditaj la ĉiusemajnaj Esperanto-elsendoj ni bonvenigos vin en la studio.
La kunvokanto de la grupo Esperanto en 3ZZZ
Franciska Toubale

# Post la somerkursaro en Kanbero

Kelkaj esperantistoj de eksterlando plu restis en Aŭstralio post la fino de la somerkursaro en Kanbero kaj vizitis nian urbon, Melburno.

Jen bona oportuno por ke melburnaj neĉeestantoj de la evento povu tamen renkonti eksterlandajn esperantistojn. Tio estis aparte grava por la komencantoj de la Esperanto-kurso en la universitato de la tria aĝo en Knox, tiel ke ili provu ĉu ili komprenas iom de la lingvo kaj ĉu ili aŭdacas iom paroli post kvar monatoj da ĉiusemajna instruado kaj tiel ke ili praktike spertu ties utilecon.

Grupo de deko da esperantistoj novaj kaj malnovaj kuniĝis la 14an de januaro en la domo de Bernie Heinze kaj Franciska Toubale por kune tagmanĝi kaj babili. La emo renkonti Andre Samosir el Indonezio kaj Indu el Nepalo estis pli forta ol la deziro eviti la varmegon de tiu somera tago , pli ol 40°C. Dankon al tiuj kuraĝuloj.



Parto de la ĉeestantoj de la maldekstro al la dekstro : John, Marcel,Indu, Yogum, Karlo, Archana, John, Andre, Henry

# La Nova Esperanto Televido (ETV)

La 12an de Januaro 2014 en konstruaĵo de Emporium (Manly, Sidnejo) interesa evento okazis. Richard Delamore kaj lia teamo organizis filmadon por la unua programo de la nova Esperanto Televido (ETV). La programo konsistas el kelkaj epizodoj de diversaj programoj, kiujn ETV studio intencas produkti regule: E-lecionoj, klasoj por infanoj, filmetoj, novaĵoj. La unua filmado kostis preskaŭ nenion (krom

semajno de dediĉita planado kaj unu tago de intensiva filmado). Ĉambrojn kaj ilojn iStreamStudio (IPTV Entrepreno) provizis senpage.
Tamen por daŭri ETV devas trovi studian spacon kaj havi financadon. Do dum la aferkunveno de EFNSK (dimanĉe la 19an de januaro je la 11-atm) ni okazigos diskuton pri estonteco de ETV studio. Teamo de ETV prezentos sian detalan planon de la projekto "Esperanto TV studio" kun ebleco diskuti la projekton. Ni invitas ĉiujn membrojn de EFNSK partopreni la diskuton. Estu tie, ĉar la estonteco de E-movado en Aŭstralio komenciĝos.
La retejo de iStreamStudio; http://www.istreamstudios.tv




Informo pri la posedanto de iStreamStudio; http://www.actingaustralia.com.au/istreamstudios-interview-david-magri-ceo-istreamstudios/
Informo pri EsperantoTV (Skribita por direktoroj kaj produktoroj); http://www.actingaustralia.com.au/film-submissions-esperanto-tv-requests-completed-films-broadcasting/



Pasvorto: EsperantoTV
La fejsbuka grupo de EsperantoTV:



http://www.facebook.com/laEsperantoTV
La fejsbuka subtena grupo de EsperantoTV:
https://www.facebook.com/groups/197777213758806/



# Esperanto-Domo Sidnejo

Aferkunveno unue je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

## Venu dimanĉon la 19an de Januaro 2014

Interalie ni diskutos pri Esperanto TV



Jen foto farita de Halinka la 29an de decembro en Esperanto domo.
Sur la foto videblas 2 hungaroj kaj 2 poloj. Amike, Nicole

# Piroteĥnika spektaklo en Darling Harbour.

Jen propono de niaj polaj geamikoj: ke iuj esperantistoj renkontiĝu ĉe Esperanto-domo la 26an de Januaro kaj kune vespere iru al la piroteĥnika spektaklo en Darling Harbour.

Skribas Halinka:

*Mi kun Tadeusz planas partopreni en la lumspektaklo, ĉe Darling Haveno. Mi pensas ke ĝi okazos la 26-an de januaro. Mi planas veni matene al Sidnejo, piede promeni sur la Granda Ponto ĉe Opero.*

*Vespere, se estos esperantistoj kiuj volus viziti la lum-spektaklon ni povos renkontiĝi en Klubejo ( mi redonos la pruntitajn librojn ). Komune ni irus al lumspektaklo, al Darling Haveno. Ĉu tio estas bona plano?*

Se tio interesas vin, bonvolu telefoni al Halinka 0424 105 785

Amike, Nicole